2a JARO APRILO 1910 6a NUMERO (18)

# BELGA ESPERANTISTO



MONATA REVUO



*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

redaktata de **VAN DER BIEST-ANDELHOF**, direktoro ;
**LÉON CHAMPY, FRANS SCHOOFS** kaj
**OSCAR VAN SCHOOR.**

ABONPREZO :

| | |
|---|---|
| Belglando . . | Fr. 4.— (Sm. 1.60) |
| Eksterlando . . | Fr. 5.— (Sm. 2.—) |
| Unu numero . . | Fr. 0.40 (Sm. 0.16) |

Sekretariejo : 49, Kleine Beerstraat, (rue de la Petite Ourse), Antwerpen, Anvers.
Abonoj kaj Monsendoj : 20, Vondelstraat (rue Vondel), id.
Ĵurnaloj, broŝuroj, libroj : 26, Arendstraat (rue de l'Aigle), id.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

## Dua belga esperantista kongreso

BRUĜO, la 15-16an DE MAJO 1910

Ne estas ankoraŭ eble publikigi en la nuna numero de B. E. la definitivan tagordon de la kongresa kunsido (ĝenerala kunveno de la Belga Ligo Esperantista), kiu nur estos kunmetata la 25an de Aprilo.

La festprogramo tamen estas jam fiksita, kaj inda je ĝenerala aprobo kaj aplaŭdo.

Mi estas feliĉa konigi de nun ĝiajn grandajn liniojn.

Kiel la antaŭan jaron en Verviers, la gekongresanoj estos oficiale akceptataj en la Urbhotelo.

La kongresa kunsido okazos en la belega salonego de la provinca estrarejo.

Festmanĝo, kies kosto ne superos 3 frankojn (Sm. 1.20), kunigos la gesamideanojn en la Belfrido ; ĝi estos sekvata de promenado tra la urbo, laŭlonge de la ĉarmaj kanaloj kies originala beleco estas famkonata, al la pentrinda Lago de Amo kaj al la antikva beginejo.

Intima festo, en kiu kunlaboros Bruĝaj kaj aliurbaj geesperantistoj, estos organizata en la festĉambrego de la hotelo « Aigle impériale » placo de l'Teatro, kaj post vizito al la samtempe okazonta foiro, la tiutagaj festaĵoj finiĝos per granda koncerto en la urba ĝardeno.

*
* *

La dua Pentekosta tago estos dediĉata al la vizito de la muzeoj de Bruĝo, kaj al ekskurso per vaporŝipo al Bruĝohaveno (Zeebrugge), tra la imponanta kanalo, longa je 12 kilometroj kaj larĝa je 100 metroj, kiu komunikigas Bruĝon kun la Norda Maro. Post promenado sur la giganta havenmuro

(1/2 Km.), dum kiu oni havos belan vidadon sur la maron, la enŝipejon kaj la deponejojn, tagmezmanĝo (lunch) atendos la ekskursantojn en la Granda Hotelo de Zeebrugge.

Inter Zeebrugge kaj Blankenbergo la distanco estas apenaŭ 4 kilometroj. La promenado, tra la dunoj, estas facile farebla piedire. Plej ĉarma estos, inter gesamideanoj, dum alridanta printempa tago (esperebla !) tiu vojirado laŭlonge de la maro.

Oni alvenos en Blankenbergo dum la antaŭvespero, kaj ĉiuj gekongresanoj povos, se ili volas, alveni hejmen la saman tagon.

* * *

La esperantistoj estas petataj faciligi plej eble la taskon de la organiza komitato, sciigante ĝustatempe pri sia aliĝo. La kongresa karto kostas 1/2 frankon ; ĝi rajtigas ĉeesti ĉiujn kunsidojn, festojn, ekskursojn. La prezidantoj de la grupoj bonvolu kolekti la enskribprezon de ĉiuj parteprenontaj, kaj sendi la opan sumon al S-ro A. J. Witteryck, prezidanto de la Bruĝa grupo, plej malfrue la 9an de Majo.

La organiza komitato zorgos pri la loĝado de la gekongresanoj, kondiĉe ke ĝi estu mendata almenaŭ 5 tagojn antaŭ la kongreso, kaj ke oni sciigu samtempe pri la sumo kiun oni deziras elspezi : fr. 5.25, — 4.50, — 2.60 — aŭ 2.50 por unu nokto, kun matenmanĝo.

* * *

La Bruĝa kongreso estos elmontro de interesiĝo en la agadoj de la Belga Ligo, — festo de samideana frateco, — pruvo de sindono al nia altcela movado — kaj reciproka kuraĝigo por sukcesigi nian laboron.

Esperantistoj, via multnombra partopreno en la kongreso provu la gravecon de la esperantista movado en nia lando !

Ĉiuj al Bruĝo. la 15an de Majo ! AMATUS.

---

# Belga Ligo Esperantista

*Protokolo pri la komitata kunveno, okazinta en Bruselo, la 27an de Februaro 1910, en salono de la hotelo « Moulin d'Or. »*

S-ro VAN DER BIEST-ANDELHOF, prezidanto, malfermas la kunsidon je la 10 1/2a matene.

Ĉeestas :

*Delegitoj de la ĝenerala kunveno :* S-roj L. Champy, Pastro Richardson, Fr. Swagers kaj O. Van Schoor.

*Delegitoj de la grupoj :* S-roj Ad. Finet kaj Van der Biest-Andelhof (Antverpena Grupo Esperantista) ; J. B. Istace kaj Fr. Schoofs (Verda Stelo, Antverpeno) ; Ant. Havermans (Berchema Grupo Esperantista) ; Jules Albert (Antaŭen, Beyne-Heusay) ; F-ino M. Posenaer (Laboro, Borgerhout) ; F-ino B. Ledène kaj S-ro A. J. Witteryck (Bruĝa Grupo Esperantista) ; F-ino M. Moreau (Brusela Grupo Esperantista) ; S-roj L. Grégoir

(La Zamenhof, Bruselo); J. Barbe-de Kneef (Genta Grupo Esperantista); E. Philippens, anstataŭanta S-ron Delvaux (Karloreĝa Grupo Esperantista); L. Van Peteghem (Mehlena Grupo Esperantista); Advokato J. Jongen (Sereza Grupo Esperantista) kaj Jos. Parotte (Esperantista Grupo, Verviers).

Senkulpiĝis: S-roj D-ro Dupont kaj J. Pirnay.

La PREZIDANTO konstatas la ĉeeston de 20 delegitoj; la kunvenantaro povas do rajte voĉdoni.

Antaŭ ol komenci la diskutadon, li diras koran bonvenon al F-ino Moreau, S-ro L. Van Peteghem kaj S-ro Jongen, novaj gedelegitoj, kaj esprimas la deziron ke ili ageme partoprenos en la agadoj de la komitato.

I. — *Raporto pri la lasta kunsido.*

S-ro CHAMPY, ĝenerala sekretario, legas la protokolon pri la lasta kunsido. Aprobata sen rimarkoj.

II. — *Ekzameno pri kapableco. Juĝantaro.*

S-ro SWAGERS legas proponojn pri tiu ĉi ekzameno. Post diskutado estas decidate:

1. — La Ligo organizos ekzamenon pri kapableco (sen didaktika parto);

2. — La juĝantaro de tiu ekzameno estos la sama kiel tiu de la ekzameno pri profesora kapableco;

3. — La ekzameno okazos en ĉiuj sidejoj de grupoj, kie minimume 10 kandidatoj sin prezentas. Diversaj societoj povas kuniĝi por atingi la postulatan nombron.

4. — La programo de la ekzameno estos la sama kiel tiu de la ekzameno pri profesora kapableco, krom la provo pri gramatikaj malfacilaĵoj kaj la didaktika parto.

5. — La enskribprezo de la ekzameno estos 2 spesmiloj.

6. — La kostoj de vojaĝo kaj restado de la juĝantoj estas kalkulataj po 8 fr. ĉiutage kaj la prezo, tien kaj reen, de duaklasa fervoja bileto.

Ĉar unu efektiva kaj unu anstataŭanta juĝanto devas esti reelektataj, la ĉeestantaro difinas S-ron D-ron W. Van der Biest (Antverpeno) por la unua ofico, kaj S-ron J. Parotte (Verviers) por la dua.

S-ro CHAMPY proponas ke la komitato aljuĝu al S-roj D-ro Van der Biest kaj Parotte la diplomon pri profesora kapableco *pro honoro*. Unuvoĉe akceptata.

III. — *Agado de la esperantistoj okaze de la ekspozicio en Bruselo.*

S-ro RICHARDSON donas klarigojn pri tiu temo. La Ligo aliĝis la kongreson de la internaciaj asocioj. Paroladoj pri Esperanto estos farataj en la lingvoj flandra, franca, germana kaj angla. Esperanto havos specialan saloneton en la « Palais du Cinquantenaire » kie la « Centra Oficejo » el Parizo, organizos ekspozicion de esperantistaj ĵurnaloj, libroj kaj ĉiuspecaj dokumentoj pri Esperanto.

La kunsidantaro difinas kiel delegitojn ĉe la kongreso de la internaciaj asocioj S-rojn Van der Biest, Pastron Richardson, Witteryck, Champy kaj O. Van Schoor.

S-ro Pastro Richardson estas petata prizorgi la organizacion de la paroladoj.

IV. — *Propagandaj rimedoj.*

Propagandaj paroladoj estos farataj en S-ta Trudo, Namuro kaj Forest (apud Bruselo).

S-ro VAN DER BIEST-ANDELHOF, prezidanto, proponas ke ĉe ĉiu esperantista instruado, kunveno aŭ festo oni ebligu la ĉeestant(in)ojn doni malgrandan monoferon por la propagando. Li estas konvinkita ke tiu « Soldo por Esperanto » produktos tre ŝatindan sumon, dividotan inter la grupoj kaj la Ligo.

La kunsidantaro, unuvoĉe, konsentas pri la starigo de la « Soldo por Esperanto ».

V. — *Starigo de virina sekcio de la B. L. E.*

F ino M. MOREAU priparolas tiun temon kaj esprimas la la deziron ke la Ligo starigu virinan sekcion.

Post diskutado oni decidas ke la delegitoj priparoligos la proponon de F-ino Moreau en siaj grupoj, kaj konigos iliajn konkludojn dum la venonta kunsido.

VI. — *Elekto de honoraj membroj.*

Dum la lasta tempo diversaj eminentaj personoj distingiĝis per sia simpatio al Esperanto kaj favoris nian movadon. La kunsidantaro decidas sendi dankleteron kaj proponi al ili la titolon de honora komitatano.

VII. — *Komunikaĵoj pri la Bruĝa kongreso.*

S-ro WITTERYCK, prezidanto de la Bruĝa grupo, konigas projekton pri programo, kiu estas aplaŭde akceptata. La kunsidantaro permesas al la organiza komitato vendi la kongreskarton po 50 centimoj.

VIII. — *Diversaj informoj.*

S-ro VAN DER BIEST, prezidanto, komunikas leteron senditan al li, informantan ke unu belga delegito estas aljuĝata al la internacia reprezentantaro, fondita dum la 5a kongreso en Barcelono.

La kunsidantaro decidas konfidi tiun oficon al la prezidanto de la Ligo.

LA PREZIDANTO faras alvokon al siaj kolegoj por ke ili apogu la organon de la Ligo, varbante novajn abonantojn, kaj esprimas la deziron ke oni bonvolu sendi al la redakcio malgrandajn literaturaĵojn, skribitajn de belgaj aŭtoroj, uzantaj la francan lingvon.

S ro L. VAN PETEGHEM donas tre ĝojigajn informojn pri nia movado en Meĥleno, kie la urbestaro sin montras tre favora al ĝi.

La kunsido estas fermata je le 13a.

La ĝenerala sekretario,
LÉON CHAMPY.

# VIVU ZAMENHOF!

Laŭ sveda melodio

Esperanta teksto de
FRANS SWAGERS




Iĝu vero l'ideal';
Ni klopodu (2 f.), estas sankta la batal'.
Iĝu vero l'ideal,
Nia lingvo tutmonda Esperanto.
Zorgu ni, ke ĉiu ĝin ekkonu,
Forte, bele, ĉie ĝi eksonu;
Iĝu vero l'ideal',
Nia lingvo tutmonda Esperanto!



# LI VIVU!




---

Ĉiuj kantoj aperintaj en « Belga Esperantisto » estas aparte aĉeteblaj en la **Centra Esperantista Belga Oficejo**, ĉe O. Van Schoor, 20, Vondelstraat (rue Vondel), Antwerpen (Anvers).

Ĉiu ekzemplero kostas 10 centimojn.

## *Belga Ligo Esperantista.*

*Sciigoj pri la ekzamenoj.*

Ekzameno por la akiro de la atesto pri *profesora kapableco* okazos la 8an de Majo, verŝajne en Bruselo.

La ekzameno estos duobla ; la unua parto estos *skriba* (traduko en Esperanto el nacia lingvo, traduko en nacia lingvo el Esperanto, letero laŭ difinita subjekto) kaj *voĉa* (Traduko el Esperanto en nacia lingvo kun demandaro pri la enhavo de la teksto kaj la gramatikaj malfacilaĵoj, flua interparolado kaj instruado pri gramatiko aŭ vortformado).

La uzado de vortaro estos malpermesata ; la kandidat (in) o povos sin prepari dum unu horo por la donota instruado.

La kandidat(in)o devas esti minimume 18jara kaj membro de la B. L. E.

Oni estas petata sin enskribigi ĉe la Prezidanto de la B. L. E., 26, Arendstraat (rue de l'Aigle), Antwerpen (Anvers), plej malfrue la 3an de Majo kaj samtempe konigi la elektitan nacian lingvan.

La kosto de la ekzameno estos 10 frankoj (4 Sm.), pagota en la sidejo de l'ekzameno mem, kiun la kunvoka letero konigos.

---

Dum la lasta komitata kunveno de la B. L. E. (27 an de Februaro) estis ankaŭ starigata ekzameno nur *pri kapableco,* kies enskribprezo estos 5 frankoj (2 Sm), kaj kies programo ne enhavos demandaron pri gramatikaj malfacilaĵoj kaj didaktika parto.

Tiu ekzameno okazos en ĉiuj sidejoj de grupoj, kie minimume 10 kandidat(in)oj sin prezentos.

Diversaj societoj povos kuniĝi. La kandidat(in)oj povas ankaŭ sin prezenti la 8an de Majo, la tagon de la ekzameno pri profesora kapableco.

La kandidat(in)oj, kiuj ne sukcesus la didaktikan provon, ricevos la diplomon *pri kapableco,* kaj povos sin prezenti okaze de alia kunsido de la juĝantaro por la ne sukcesinta parto. Okaze de sukceso ili ricevos la plenan diplomon.

La juĝantaro konsistos el S-roj A. J. Witteryck, Fr. Swagers kaj D-ro W. Van der Biest, efektivaj membroj ; F-ino Bertha Ledène, S-roj Ad. Finet kaj Jos. Parotte, aldonitaj membroj.

---

La sekretarioj bonvolu sendi sufiĉe frue la ĉiujaran raporton pri la agadoj de sia grupo al S-ro L. Champy, ĝenerala sekretario de la B.L.E., por ebligi al li la redaktadon de la ĝenerala raporto, prezentota dum la Bruĝa kongreso.

La Prezidanto de la B. L. E.,
VAN DER BIEST ANDELHOF.

---

## Esperanto dum la internacia ekspozicio de Bruselo

Unu el la grandaj faktoj, rilatantaj al la Brusela ekspozicio de la nuna jaro, estas la organizado de multnombraj kongresoj.

Inter tiuj estas ĉefe rimarkinda la mondkongreso de la internaciaj asocioj, kiu okazos (9-11an de Majo) en la Palaco de l'Akademioj (Palais des Académies).

Tiu kongreso plej evidente pruvos la nepran necesecon de internacia lingvo. Efektive, ĝia celo estas favori la rilatojn inter ĉiuj internaciaj asocioj, rilatoj ĝis nun haltigitaj de la diverseco de multnombraj fremdaj lingvoj. Praktike kaj fakte Esperanto jam solvis la gravan problemon, kaj por konigi tiun mirindan rezultaton al la eminenta ĉeestantaro, la esperantistoj decidis aliĝi la kongreson.

S-ro Paul Otlet, sekretario de la mondkonata « Institut de Bibliographie » kaj ĝenerala sekretario de la kongreso, taksante nian movadon kiel esence internacian, tuj akceptis la aliĝon de la Belga Ligo Esperantista, kiu difinis kiel delegitojn ĉe la dirita kongreso S-ron O. Van Schoor kaj min mem ; ĝi komisiis nin raporti pri siaj agadoj, de sia fondo ĝis nuntempe.

Aliflanke mi scias ke diversaj fremdlandaj esperantistaj organismoj ankaŭ sendos delegitojn al la kongreso.

* * *

Dum la daŭro de l'Ekspozicio estos organizata cento da paroladoj pri la plej diversaj temoj. La kunvenoj okazos en grandaj ĉambregoj de la Ekspoziciejo mem. Kvar el tiuj paroladoj, dediĉataj al Esperanto, respektive en flandra, franca germana kaj flandra lingvo, estos organizataj de la Belga Ligo Esperantista. La Centro Oficejo kaj U. E. A. ankaŭ sendos paroladantojn.

En la Maja numero de B. E. mi konigos la nomojn de la oratoroj kaj la tagojn kiam la paraladoj estos farataj.

Pliaj fremdlandaj samideanoj verŝajne aŭdigos sin. Ili tamen eksciu ke nur tre malmultaj tagoj restas ankoraŭ disponeblaj.

* * *

La ĝuste dirita esperantista ekspozicio ne okazos en la granda ekspoziciejo de la Kamera Arbaro mem (Bois de la Cambre), sed en la Palaco de la 50a Datreveno (Palais du Cinquantenaire), alvenejo de Tervuren.

Ĝi formos parton de la grava tutmonda ekspozicio de la internaciaj asocioj kaj estos prizorgata de la eminenta, nelaciĝebla prezidanto de la Centra Oficejo, nia « grand old man », Generalo Sebert, la klera kaj mondfama ano de la « Institut de France ». En belega salono (6×6), ornamita per esperantistaj emblemoj, estos elmetataj ĉiuspecaj esperantaj libroj, jurnaloj kaj dokumentoj. Grandformataj diagramoj montros la intersekvajn progresojn kaj la nuntempan disvastiĝadon de Esperanto.

En la Esperanto-salono ĉeestos ĉiam gesamideanoj el Bruselo kiuj, plej sindone, donos ĉiujn dezirindajn klarigojn al la vizitantoj.

* * *

En la sekvanta numero de B. E. mi esperas raporti pri specialaj propagandaj rimedoj, kiujn la fervora Bruselo komitato intencas uzadi dum la Ekspozizio.

Ĉiuokaze, malgraŭ la malfacilajoj de l'entrepreno, la legantaro de B. E. konstatos de nun, ke la Bruselaj esperantistoj nenion preterlasis, por fari bonan impreson sur la multnombrajn vizitantojn, kiuj alfluos el la kvin mondpartoj al nia Mond-foiro.

A. Richardson.

# Kion celas la blinduledukado ?

AŬ

## Ĉu blindulo devas labori ?

Ofte, kiam oni konsilas al gepatroj de blinda infano sendi ĝin al speciala instituto, kiam oni diras ke tie ĝi lernos muzikon aŭ metion por poste gajni sian panon, la patro melanĥolie respondas per tia demando : « Ĉu blindan homon oni povas devigi al laboro ? » Kaj la patrino energie aprobas : « Kiam nur restos al ni unu sola pankrusto, ĝi estos por la blindulo ».

Tia rezono montras la profundecon de l'gepatra koro, montras la en ĝi ekzistantan trezoron da amo kaj kompato, da sindonemo kaj sinforgeso ; sed tiuj ecoj, pligrandiĝante pro l'malfeliĉo mem de l'amata infano, malpligrandigas, preskaŭ forigas la gepatran antaŭvidon kaj inteligenton. Tia amo estas blinda, ĝi nur povas malfeliĉigi la amaton.

Ne nur iaj gepatroj, sed ankaŭ aliaj homoj, ĉu pro kompato, ĉu pro alia motivo, faras saman demandon : « Ĉu oni povas devigi blindulon al laboro ? Ĉu la homsocieto ne devas nutradi lin ? » Kaj centoj da blindaj laboristoj memfiere respondas : « Ni volas labori, kaj en laboro trovi nian sendependecon kaj homan valoron ».

Per tiu respondo la demando fariĝas : « Ĉu blindulo povas, scias labori ? » Tiun demandon mi provos respondi en la nuna artikolo.

Blindulo estas homo kripla ; al li mankas organo plejgrava, necesa por multa laboro ; sed li estas homo tute ne malsana. Liaj fizikaj fortoj estas kiel niaj ; lia intelekto, volo kaj memoro tute ne malsuperas niajn ; kiel ni, li sopiras al vivo utila, al vivo intensa, al vivo vera. Se li povas atingi la ajon de sia sopirado, li estas kiel ni feliĉa kaj ĝuas la kontentecon devenantan de devplenumo, de vivo laborplena, de celo konstante atingata. Tiam por li la blindeco ne estas plu la terura difektego, kiun multaj timas kiel la pli grandan malfeliĉon sur tero.

Sed, se li ne povas atingi la celon de sia vivo, se por si mem kaj por aliaj li estas malgraŭ si senutila, se por ĉio li dependas de aliaj ; tiam li sin sentas vere malfeliĉa, kaj lia imago plifortiĝanta pro lia ĉiama nenionfarado, prezentas al li plej nigrajn bildojn. Tiam li sentas la mankon de ĉio, je kio lin senigas ĉiumomente lia blindeco ; senĉesa malkontento naskas en li malpaciencon kaj envion. Li rajtas al ĉies kompato, kaj konas tiun rajton ju pli bone des pli multe oni lin plendis de lia infaneco jam, des pli oni tiam penadis plenumi liajn dezirojn malplej plenumindajn ; sed nun la gepatroj estas mortintaj, la gefratoj, kun kiuj li nun vivas, havas multajn

aferojn por prizorgi, kaj la karaktero de la blindulo estas tiam postulema, tiom malfacila ; la kompato iom post iom fariĝis indiferenco, malpacienco, kaj anstataŭ ol plendoj, la malfeliĉulo plu nur aŭdas riproĉojn ; ja ofte oni riproĉas lin pri l' pankrusto, kiun li manĝas.

Ho ! tiam lia situacio estas terura ; kaj se Religio ne povas naski en lia malluma kaj senespera spirito refortigan kaj plialtigan pensadon pri la venonta eterna vivo, pri rekompenco pro l' suferoj, ho ve ! Malamo al homoj, malkontento kontraŭ Dio minacas eniri lian koron kaj tie mortigi ĉian senton indan kaj noblan.

Oni pardonu al mi tiun malĝojigan priskribon ; ĝi estas nur tro ĝusta, kaj ne nur por la solaj blinduloj ; ankaŭ por alispecaj kripluloj kun spirito kaj korpo sanaj, eĉ por normalaj homoj, kiuj, pro sia kulpo aŭ ne, ne atingas la celon de sia vivo.

Do, la blindulo devas labori, kaj trovi en laboro sian homan valoron.

Ĉu la blindulo povas kaj scias labori ?

Sen ia dubo lia lernpovo kaj laborpovo estas pli malpli limigataj ĉu en scienca, ĉu en arta, ĉu en metia aŭ manlabora fako.

De kiam Braille ebligis al siaj samsortanoj la skribadon kaj plirapidan legadon, la blindulo povas lerni ion kaj eĉ multe el ĉiuj sciencoj ; sed la kono de multaj el ili enhavas por li malgrandan aŭ nenian utilon ; tial oni devas elekti laŭ ĝuaddono, homformo aŭ plivalorigo, kaj laŭ praktika utileco ; ankaŭ laŭ pli malpli facila akirebleco. En la institutoj oni sekvas komence la programon de la popolaj lernejoj, sed en la superaj kursoj la instruado superas kaj flankiĝas ĝin : historio, lingvoj, literaturo kaj poezio, aritmetiko, geografio, aplikado de la akirita instruado al porvivaj demandoj, el tio konsistas la scienca elkulturo en tiuj kursoj.

Nur malofte scienco fariĝas profesio aŭ pangajnilo por la blinduloj : estas ja kelkaj advokatoj (du en Belgujo), profesoroj (precipe en blindulejoj), konferencistoj, k. t. p. sed ili estas esceptoj. La scienco celas la ĝuad-donon, plivalorigon, kaj tiamaniere estas helpo tre grava, kelkfoje necesa al profesio.

En belarta fako, la blindulpovo estas ankaŭ tre limigata, ĝi nur ĉirkaŭprenas parolon, kanton, muzikon. Precipe tiu lasta estas por ili vera kaj profitdona profesio. En Francujo kaj Belgujo oni trovas grandnombron da orgenistoj, muzikprofesoroj kaj pianagordistoj ; ankaŭ da komponistoj, fest-aŭ koncertludantoj k. c.

En ĉiuj landoj oni instruas muzikon, sed ofte nur porplezuran. En Belgujo kaj Francujo ankaŭ, krom la profesia muziko, oni instruas porplezuran muzikon. Tion mi nur povas laŭdi, ĉar en muziko ĉiu blindulo trovas ege grandan ĝuadon.

Sed estus eraro, permesi ke tiu studado malutilu al profesia, ĉu muzika ĉu metia, formado de la lernanto ; ĉar en tia okazo ĝi povus nuligi la finan rezultaton de la speciala edukado, kaj reĵeti la blindulon en la nenionfaradon kaj almozpeton.

Por ke muziko estu por blindulo vera profesio, li devas esti tre kapabla en la arto, sufiĉe klera kaj bone edukita. Korpaj difektoj malutilos al li, kaj eĉ lia sociala stato influos la sukceson.

En la ĝenerala homsocieto la nombro de la laboristoj ege superas tiun de la sciencistoj kaj artistoj. En la blindularo tiu supereco estas malpli granda. Tamen mi devas certigi ke eraras multaj homoj opiniante, ke sufiĉas esti blinda por fariĝi muzikisto. Vere ĉiuj blinduloj ŝatas la muzikon kaj trovas en ĝi grandan ĝuadon ; sed ne ĉiuj deziras ĝin lerni, kaj multaj forlasas ĝian studon post ioma provo. Al ili oni instruas metion.

Inter la metioj ankaŭ ni devas elekti : unu taŭgas por la urbo, alia por la kamparo ; unu estas facile lernebla kaj taŭgas por malpli lertaj ; alia postulas plian lertecon sed estas ankaŭ pli profitdona ; tiu ĉi estas nur parte farebla de blindulo, kaj taŭgus por laborejo, kie viduloj helpas ; sed ne por solrestanta blindulo ; alia ŝajnas bonega sub ĉiuj vidpunktoj, sed postulas pli da loko ol havos en sia hejmo la plimulto el la blindaj laboristoj.

En la Belgaj institutoj estas faritaj multe da provoj : la ŝnur-,ŝu-kaj brosilfarado ne donis la esperitajn rezultatojn kaj estas ĝenerale delasitaj. la fabrikado de objektoj en ferfadeno nesukcesis ĝis nun, ĉar tiuj objektoj estas tro multspecaj kaj postulas tro da diferencaj iloj. Tiu metio estas parte tre farebla de blinduloj kaj sufiĉe profitdona ; sed la komercistoj postulas, ke unu fabrikisto povu ilin provizi per ĉiuj artikloj vendotaj.

Tri manmetioj venke trairis la provadtempon kaj fariĝis veraj pangajniloj por la blinduloj : la pianagordado, sed nur por la muzikistoj ; la seĝplektado per junkoj aŭ kano, kaj la korbfarado. Nova metio komencas sian provadtempon : la masaĝado, kiun instruis al deko da plenkreskaj blinduloj doktoro Daniel el Bruselo. La akiritaj rezultatoj estas tre kontentigaj, sed tiu profesio postulas multe da kondiĉoj ne plenumotaj de la plimulto da blinduloj.

Mi sufiĉe montris, ke la blinduloj devas, povas kaj scias labori ; ke ilia laborpovo estas limigata je malmultaj profesioj. Mi povas aligi, ke ili laboras iom pli malrapide, sed almenaŭ tiel bone, ofte pli bone, ol la viduloj. Do mi povas peti la bonkorajn esperantistojn, por ke ili helpu nin pliigi la klientaron de niaj protektatoj. Tion ili povas, precipe en grandaj urboj, kie ĉiam estas pianagordistoj, muzikprofesoroj, seĝoplektistoj, korbfaristoj (en Bruselo ok masaĝistoj). Mi havas la jarlibron

de ĉirkaŭ 200 blindaj muzikistoj kaj laboristoj kun ilia adreso kaj profesio. Mi volonte ĝin sendos al ili, kiuj min petos por ĝi.

Mi finas per anekdoto ofte okazanta :

Gepatroj letere senkulpigas sin, ĉar pro malriĉeco ili ne povas viziti sian blindan infanon tiel ofte, kiel ili volus, ĉar ili ne povas fari al li pli da donacoj. La lernanto respondas : « Karaj gepatroj, ne malĝoju pri mi ; mi nenion bezonas ; la penso, ke post unu, post du jaroj, mi povos labori por vi, feliĉigas min kaj forpasigas rapide la tempon. »

Ĉu vi komprenas, karaj legantoj, kiom tia letero enhavas por ni da ĝuado, da rekompenco ; vi ĝin sentos mem, se vi povas helpi blindulon por plenumi tiun deziron : « *labori por siaj gepatroj.* »

Frato ISIDORO, profesoro ĉe la Reĝa Blindulinstituto de Woluwe (Bruselo).

# La fluganta brigado.

La fluganta brigado ????

Tio estas la nomo de grupo, kiun starigis kelkaj Antverpenaj esperantistoj-bicikletistoj.

La « flugantaj brigaduloj » celas organizi ekskursojn kaj fari samtempe propagandon por Esperanto.

Por partopreni en la « brigado » ne estas postulate subskribi iun ajn dokumenton aŭ pagi iun ajn kotizon. Sufiĉas ke oni estu bicikletist(in)o kaj esperantist(in)o, ke oni ĉeestu la rendevuon, kie la ekskursantoj kunvenas, kaj kuniĝu kun ili.

Jen la programo de la unuaj ekskursoj projektitaj :

*Dimanĉon, le 24an de Aprilo*, je la 2a ptm. Kunvenloko : Alvenejo de l'Komerco, apud le Nederlanda teatro. *Eskurso al Mariaburg kaj ĝia ĉirkaŭaĵo ;* vizito al la grupo « Verda Flago ».

*Dimanĉon, la 1an de Majo*, je la 2a ptm. Kunvenloko : Alvenejo de l'Artoj, apud la nacia Banko. *Ekskurso al Boom kaj Willebroek* ; vizito al la tieaj grupoj.

*Ĵaŭdon, la 5an de Majo (Ĉieliro)* je la 2a ptm. Kunvenloko : Alvenejo de l'Komerco apud la Nederlanda teatro. *Ekskurso al S-ta Nikolao (Or. Fl) ; reveno laŭ Temsche, Bornhem, Puurs.*

*Dimanĉon, la 6an de Majo*, je la 1a ptm. Kunvenloko : Alvenejo de l'Artoj apud la nacia Banko. *Ekskurso al Herenthals, laŭ Liero kaj Bouwel, — Reveno laŭ Grobbendonk, Massenhoven, Oelegem, Wijnegem.* BRIGADULO.

---

B. E. anoncos plezure ĉiumonate la ekskursojn projektitajn de la « Fluganta Brigado » kaj esperas ke multaj gesamideanoj aliĝos al ili.

La entrepreno estas senrezerve laŭdinda kaj imitinda.

Brigaduloj, vi estas pravaj ! B. E.

# La servo de l'egoisto

*Mateo.* — Bonan tagon, najbaro Simono. Hodiaŭ mi devos vojaĝi tri aŭ kvar mejlojn ; ĉu vi ne povus prunti al mi vian ĉevalinon ?

*Simono.* — Mi tion farus tre volonte, najbaro Mateo ; sed tuj mi devos veturigi tri sakojn da greno al la muelejo. Mia edzino bezonas farunon hodiaŭ vespere.

*Mateo.* — La muelilo ne muelas hodiaŭ. Mi aŭdis, ke la muelisto diris al la granda Tomaso, ke pro tro malmulte da akvo la rado ne povas turniĝi.

*Simono.* — Ĉu estas vere ? Tio estas tre malagrabla por mi. En tiu ĉi okazo mi devos rajdi en la urbon por aĉeti farunon. Mia edzino estus en malbona humoro, se mi ne farus tion.

*Mateo.* — Mi liberigos vin de tiu rajdado. Mi povas prunti al vi tiom da faruno, kiom vi bezonos.

*Simono.* — Ho, tiu ĉi faruno eble ne taŭgos al mia edzino ŝi estas tre elektema.

*Mateo.* — Eĉ se ŝi estus centoble pli elektema, tiu ĉi faruno bone taŭgus ! Estas ja faruno el greno kiun vi mem vendis al mi, dirante, ke ĝi estas la plej bona greno kiun vi rikoltis.

*Simono.* — La tuta greno kiun mi vendas, estas bonega. Vi scias, neniu faras servon pli volonte ol mi ; sed la ĉevalino ne volis manĝi hodiaŭ la pajlon. Mi timas, ke ĝi ne povos iri.

*Mateo.* — Ne maltrankviliĝu pro tio ; mi donos al ĝi sufiĉe da fojno dum la vojiro.

*Simono.* — La fojno estas multekosta, najbaro !

*Mateo.* — Estas vere, sed kion fari ? Pro bona afero oni malŝparas.

*Simono.* — Ni havos nebulon ; la stratoj estos glitigaj. Se vi rompos piedon...

*Mateo.* — Ne timu ! Via ĉevalino iras bone. Cu vi ne diris jus ke vi devas veturi muelejon ?

*Simono.* — Sed mia selo estas disŝirita kaj mian kondukilon mi forsendis por fliki ĝin.

*Mateo.* — Feliĉe mi havas selon kaj kondukilon.

*Simono.* — Via selo ne konvenos al mia ĉevalino.

*Mateo.* — Nu bone ! Mi do pruntepetos tiun de Karlo.

*Simono.* — Ĝi ne konvenos pli bone ol via.

*Mateo.* — Mi iros preter la kastelo de sinjoro grafo. La stal'lakeo estas mia amiko ; inter dudek seloj, kiujn havas lia sinjoro, li certe trovos unu kiu konvenos.

*Simono.* — Certe, najbaro, vi scias,neniu estas pli komplezema por siaj amikoj ol mi, kaj volonte mi pruntus al vi mian ĉevalinon. Sed pasis jam dekkvar tagoj de kiam ĝi estis laste striglita. Ĉiaj kolharoj ne estas ordigitaj. Se oni ĝin vidus nur unufoje en tia stato, mi ne ricevus por ĝi pli multe ol dek talerojn, se mi volus ĝin vendi.

*Mateo.* — Unu ĉevalo baldaŭ estos striglita. Mi havas serviston, kiu faros tion dum kvarono da horo.

*Simono.* — Povas esti, sed ĵus mi ekpensis, ke ĝi devas esti fergarnita.

*Mateo.* — Bone. Ĉu ne loĝas la hufforĝisto nur du domojn apud ni?

*Simono.* — Jes! Hufforĝisto de la vilaĝo por mia ĉevalino! Eĉ mian azenon mi ne konfidus al li. Povas ĝin fergarni nur la hufforĝisto de la reĝo.

*Mateo.* — Nu mi ja iros tra la urbo preter lia pordo.

*Simono.* — (ekvidas sian serviston kaj vokas lin). — Franco, Franco!

*Franco.* — (alproksimiĝante) Kion vi deziras, Sinjoro?

*Simono.* — Estas tie ĉi najbaro Mateo, kiu volas prunti de mi mian ĉevalinon. Vi scias, ke ĝi havas grataĵon sur la dorso, tiel larĝan kiel mia mano. (Dume li faras signon al Franco per la okuloj). Iru rigardi, ĉu la haŭto resaniĝis. Mi pensas, ke jes. (Franco foriras, farante signon, ke li komprenis). Donu vian manon al mi, najbaro. Mi havos nun la plezuron fari al vi komplezon. Oni devas helpi sin reciproke en la vivo. Se mi nun rifuzus al vi la servon, en alia okazo vi rifuzos al mi, tio estas tute simpla. Estas bone por mi, ke miaj amikoj trovas min ĉiam, se ili min bezonas. (Franco revenas). Nu, Franco, kia estas la vundo?

*Franco.* — Kia ĝi estas, Sinjoro? Vi, diris, ke ĝi estas larĝa kiel via mano — vi devus diri, ke ĝi estas larĝa kiel miaj ŝultroj. La bedaŭrinda besto ne estas en stato fari eĉ unu paŝon. Kaj cetere, mi ĝin promesis al via baptopatro Bleso por veturigi sian edzinon al la foirejo.

*Simono.* — Ha, najbaro, estas tre malagrable por mi, ke la aferoj turnis sin tiel. Mi farus ĉion por prunti al vi mian ĉevalinon. Sed mi ne povas ofendi baptopatron Bleson. Vi vidas, kiel sincere mi bedaŭras tion.

*Mateo.* — Mi ankaŭ sincere bedaŭras tion pro vi, mia kara Simono. Sciu, ke mi ricevis karton de l'administranto de l'bienoj de lia grafa moŝto, kiu vokas min al li. Ni faros kune negocon. Li sciigis al mi, ke, se mi venus tagmeze, li povus doni al mi oficon ĉe la faligado de arboj en parto de l'arbaro. Proksimume cent dukatojn mi gajnus ĉe tiu afero, kaj dekkvin aŭ dudek vi povus gajni, ĉar mi pensis transdoni al vi parton de la laboro. Sed...

*Simono.* — Kiel? Dekkvin aŭ dudek dukatojn, vi diras?

*Mateo.* — Jes, eble pli multe; sed ĉar via ĉevalino ne estas en stato por iri, mi iros peti pro ĉevalo la alian ĉarpentiston de la vilaĝo.

*Simono.* — Ho, vi ofendus min, mia ĉevalino estas tute je via dispono. He, Franco, Franco, iru tuj al baptopatro Bleso, kaj diru al li, ke mi ne povos prunti mian ĉevalinon al lia

edzino, ĉar najbaro Mateo ĝin bezonas, kaj mi ne povas rifuzi la servon al mia plej bona amiko.

*Mateo.* — Sed kion vi faros koncerne la farunon ?

*Simono.* — Mia edzino povos atendi dekkvar tagojn.

*Mateo.* — Kaj via selo, kiu estas disŝirita ?

*Simono.* — Estis la malnova, pri kiu mi parolis. Mi havas unu tute novan, ankaŭ novan kondukilon mi havas. Mi ĝojas, ke vi uzos ĝin la unuan fojon.

*Mateo.* — Do mi lasos fergarni la ĉevalinon en la urbo ?

*Simono.* — Vere, mi forgesis, ke la najbaro antaŭhieraŭ fergarnis ĝin ! Kaj oni devas diri, ke li tion faris tre bone.

*Mateo.* — Sed la bedaŭrinda besto havas ja tiel larĝan vundon sur la dorso, kiel diris Franco ?

*Simono.* — Ho, mi ja konas tiun sentaŭgulon, li volonte ĉion trograndigas. Mi vetas, ke la vundo ne estas pli granda ol mia malgranda fingro.

*Mateo.* — Sed oni devas ĝin ankoraŭ strigli, ĉar de dekkvar tagoj....

*Simono.* — Ho, ho, tion mi volus vidi ! Eĉ ne dum unu tago de l'semajno mi permesus lasi ĝin nestriglitan.

*Mateo.* — Do almenaŭ oni donu al ĝi ion por manĝi, ĉar vi ja diris, ke ĝi rifuzis manĝi la pajlon.

*Simono.* — Tion ĝi faris nur pro tio, ĉar ĝi estis satigita per fojno. Ne timu, ĝi portos vin kvazaŭ birdo. La vojo estas seka, ni ne ricevos nebulon, mi deziras al vi bonan vojaĝon kaj bonan negocon. Venu, venu, suprensaltu, ni ne perdu eĉ momenton ! Mi tenos por vi la piedingon.

BERTHA LEIPELT, esperantigis.

---

# ESPERANTO FACILA

## AL LA NOVULOJ

Kiam ni lernis fremdajn lingvojn dum nia juneco, oni devigis nin fari multe da ekzamenoj. Ne ankoraŭ bone sciante la lingvojn, ni jam vizitis la fremdajn landojn, ni parolis kun francoj, angloj, germanoj ; poste ni korespondis kun ili. Tamen, nur post multjara studado, ni sukcesis plibonigi nian situacion, dank' al la konado de tiuj lingvoj.

Vi, novuloj pri Esperanto, vi nur studis dum kelkaj monatoj, kaj mi estas certa, ke jam nun vi lerte legas, interparolas kaj korespondas en Esperanto kun sam - kaj alilandanoj.

Kiu el niaj kunlernantoj povis supozi, antaŭ unu kvaroncentjaro, ke iam ni lernus fremdan lingvon, kiu prezentas

neniel malfacilan gramatikon kiel la germana lingvo, neniel senregulan elparoladon kiel la angla, neniel teruran senlogikecon kiel la franca ?

Tamen tia lingvo ekzistas nun, estas lernata dum nur kelkaj monatoj, ne, semajnoj, kaj ebligas nin komuniki, ne kun unu nacio, sed kun ĉiu civilizita popolo de l' mondo !

Ĉu la kono de tia lingvo ne estas bonaĵo 1) por vi, novuloj ? kaj ankaŭ por la homaro ?

Certe, ĝi estas la plej fama paŝo al la universala paco kaj frateco ! La Esperantistoj rajtas postuli la Nobel-premion por sia glorinda majstro, D-ro Zamenhof !

* * *

Baldaŭ la kursoj pri Esperanto finiĝos. Sed via tasko, novuloj, ne estos plenumita 2).

Vi unue pruvos 3) vian kapablecon per l'akiro de Esperanta diplomo. Estonte, multe da grupoj organizos oficialajn ekzamenojn por siaj membroj, kiuj tiamaniere povos montri ke ili scias iom pli ol ĉiam nur ripeti : *Kiel vi fartas ?* — *Bone* — *Jes* — k. t. p. Ili volos pruvi ke la malgranda nombro da lecionoj ricevitaj sufiĉas por esprimi la ĉiutagajn ideojn. Ili pruvos la facilecon, lerneblecon, belecon de Esperanto.

Poste vi, novuloj, utiligos la lingvon en via rilatado kun alilandanoj, kun najbaroj francaj, germanaj, rusaj, anglaj, hispanaj, italaj, kun la malproksimaj Hindoj, Japanoj, kaj aliaj.

Tamen, ne forgesu ke, se unuflanke, Esperanto donacas 4) vin per siaj favoroj, aliflanke, Esperanto postulas vian helpon, por ke ĝi povu vivi, kreski, prosperi.

Ĉar Esperanto ne ekzistas ankoraŭ nature kiel la angla aŭ alia lingvo. Esperanto ekzistas kiel kredo, konvinko, religio, kiu devas triumfi kontraŭ aregoj da indiferentuloj, nekreduloj, ĵaluzuloj.

Vi do iĝos fervoraj propagandistoj por Esperanto. Vi legos niajn propagandajn ĵurnalojn kaj broŝurojn, por armi vin per trafaj argumentoj kaj hela lumo, vi disvastigos la lingvon voĉe kaj skribe, vi donos instruadon, paroladojn, k.t.p. (Legu « Esp. facilan » en la n-ro 11 — 12a, 1a jaro, de « Belga Esperantisto ».)

Kaj, se iam oni atentigas vin pri la ekzisto de ia plagiato de nia lingvo, vi facile montros ke tiu plagiato neniel egalvaloras nian karan Esperanton ; kaj por silentigi la kontraŭulojn, vi nur diru : « Nu, parolu do vian lingvon inter vi, mi aŭskultos ».

Vi tiam rimarkos kun mirego, ke tiuj, kiuj false atakis Esperanton per vanaj 5) teorioj,... tute ne kapablas paroli sian lingvon.

Ŝajnas fakte ke, dum ia kongreso antaŭ kelkaj semajnoj, la famaj Idistoj post kelkaj minutoj devis forlasi sian lingvon, por alpreni kaj ĉiam paroli nacie !

